TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio. ORF, Poŝtfako 700, A-1041 Wien Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev - Esperov, 1680 Sofia, kv. Borovo, bl. 219, vh. B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR, 226614 Riga-14, ul. Ostrovskogo 4-4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 Rosenbach, Untergrafandorf, FRG.

Ĝenerala sekretario - Donĉo Ĥitrov, 1000 Sofia, ul. Ĥan Asparuĥ 61, Bulgario.

Sekretario-kasisto por la okcidentaj landoj - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, Citadella (Padova) Italio.

Membro de la estraro -Olaf Thormodsen, Box 59, 595501 Haugesund, Norvegio.

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia, kv. Borovo bl. 219, vĥ. B, Bulgario, tel. 56-58-77.

Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Ĥitrov.

Teknika aranĝo: Veneta Baleva, Evgeni Georgiev.

ENHAVO DE N-RO 4 - 1984



---

Nova membro de TEĴA: Dragotin Balagoviĉ, Box 58, 412111 Zapreŝiĉ, Jugoslavio.

Ŝanĝo de adreso de TEĴA-membro -Laimius Straznickas, P.O.Box 1469, 232040 Viunius-40, Litovio

Sur la unua kovrilpaĝo: Pirin-montaro estas belega ankaŭ vintre



LA ESTRARO DE TEĴA KAJ LA REDAKTOROJ DE "INTERNACIA ĴURNALISTO" TUTKORE GRATULAS ĈIUJN MEMBROJN DE LA ASOCIO, LA ILEF-anojn KAJ LA LEGANTOJN DE NIA ORGANO OKAZE DE LA NOVJARAJ FESTOTAGOJ KAJ BONDEZIRAS AL ILI SANON, FELIĈON KAJ SUKCESOJN EN ILIA NOBLA ĴURNALISTA LABORO! ESTU PACA KAJ FRUKTODONA LA NOVA 1985!

# Al novaj suksesoj dum la nova 1985

Ankaŭ la ĵus foririnta 1984 estis fruktodona por nia TEĴA-taĉmento. Tion ni mem vidas, tion ni konstatas per la ricevitaj kontentaj leteroj de niaj okcidentaj kaj orientaj asociaj membroj. La planitaj en Budapeŝto entreprenoj sukcese efektiviĝis: novaj membroj aliĝas, oni pagas la membrokotizon, konfirmiĝas niaj ligoj kun esperantistaj ĵurnalistoj el multaj landoj de nia kontinento. "Internacia Ĵurnalisto" - nia ŝatata organo, jam belaspekta, regule eldonata 4 foje, pli riĉenhava. Krom la tradiciaj kunlaborantoj kiel nia senlaca vicprezidanto N.F.Danovskij, sur la paĝoj de "I.Ĵ." aperas novaj - kiel la kolegoj Oskar Stolberg, E.Georgiev k.a.

Estas ankoraŭ pozitivaj momentoj en nia lastjara agado. Sed, ĉar antaŭ ni staras tre gravaj taskoj - organizaj, amasaj kaj kulturaj, kaj ĉar antaŭ ni kaj la tutmonda esperantistaro staras la centjara jubileo de nia kara Internacia Lingvo Esperanto, ni - estraranoj kaj ordinaraj membroj de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, redaktoroj de nia organo - ĉiuj ni devas unue precize vidi la ekzistantajn mankojn de nia laboro, la neplenumitajn altgrade niajn taskojn kaj la kialojn, kiuj bremsas nian laboron. Krome ni devas precizigi ankaŭ niajn plej urĝajn entreprenojn kaj organizi ilian nepran ritman plenumadon.

Iuj organizaj problemoj bremsas iom nian aktivadon. Ekzemple - la nekonstantaj ligoj kun iuj estraranoj. Nia kolegino D. Jakubiec ĝis nun neniam aŭdiĝis al la estraro de TEĴA. Do, ŝi fakte mem eksiĝis el la estraro. Delonge ni devis anstataŭi ŝin per pli vigla koleg(in)o. Iuj membroj ne pagas regule siajn membrokotizojn. Al ili ni ne devas sendi "I.Ĵ.". Iuj redakcioj de E-periodaĵoj ne interŝanĝas kun ni siajn eldonaĵojn. Ankaŭ ni estonte ne sendos al ili nian organon interŝanĝe. La estrara buroo (sekretariato) devas plifirmigi siajn ligojn kun la aktivuloj, membroj de TEĴA kaj kun E-estraroj de esperantistaj asocioj internaciaj, kun aliaj gravaj instancoj. Ankaŭ la redaktoroj de nia organo devas pli regule kontaktiĝi kun siaj kunlaborantoj, apogi kaj instigi al

plua kunlaboro ilin, mendi al apartaj verkemuloj konkretajn taskojn kaj materialojn, eltrovi, varbi aliajn kunlaborantojn, eduki pli junajn talentajn kolegojn. Tiurilate ni povas montri la modelan kunlaboron de nia Danovskij, kiu ne nur regule,meminiciate sendas kontribuaĵojn, sed meminiciate petas siajn korespondantojn al kunlaboro al "I.Ĵ.", eĉ proponas al la redakcio longan nomaron de eventualaj kunlaborantoj, sendas al TEĴA adresojn de novaj membroj de nia asocio. Ankaŭ nia sekretario-kasisto Dino Fabris aktivas.

Tiel meminiciate devas eklabori ankaŭ aliaj estraranoj kaj membroj de TEĴA. Bedaŭrinde estas aktivaj ĵurnalistaj esperantistoj en aliaj landoj, kiuj ne aktiviĝas kaj iuj el ili ankoraŭ ne aliĝas kiel membroj de TEĴA. Kompreneble ni scias la kialojn pri sindeteno kaj konduto de iuj el ili. Sed tio estas ilia privata laboro, kvankam ne aprobinda.

Kiel ni jam menciis - gravaj eventoj, enlandaj kaj internaciaj staras antaŭ ni. Ekzemple, ankoraŭ nun ni devas pensi pri la jarkunveno enkadre de la UK de UEA venontjare en Aŭgsburg, FRG kaj bone prepari nin por ĝia bona efektivigo. Tiurilate multon povus helpi nia asocia prezidanto W.Haberl, la sekretario-kasisto D.Fabris, la estrarano kaj longjara prezidanto O.Thormodsen kaj speciale la vicprezidanto T.Megalli, kiu loĝas en FRG. Ni atendas ilian pliinteresiĝon kaj plivigliĝon por la bona preparo de la jarkunveno de TEĴA en 1985. Rezultodone estus ankaŭ, se ni plifirmigos niajn ligojn kun la CE de UEA kaj peti ĝin kunhelpi pli regule al nia asocio, sendi regule ĝiajn bultenojn, materialojn ktp. al TEĴA.

Kaj ĉu estas necese montri la plej gravan nian taskon kiel ĵurnalistoj-esperantistoj - renkonti inde, eĉ kunhelpi por la bonega efektivigo de la Centjara jubileo de Esperanto en Varsovio 1987 j. Ja en niaj manoj, en la manoj de la ĵurnalistoj - estas la potenca armilo - la amaskomunikiloj, per kiuj ni devas kunhelpi la CE de UEA, al la Jubilea E-komitato por la bonega antaŭpreparo de la solenaĵoj kaj glore festi la jubileon mem. Ni, ĵurnalistoj povas helpi por plenumado de la organizaj jubileaj taskoj enlande, por propagandi vaste la gravan signifon por la homaro de Esperanto kiel utila lingvo kaj de ĝia genia aŭtoro L.L.Zamenhof, liaj ideoj fratigaj, porpacaj, la gravan signif-

on de la 100-jara jubileo mem. Tiamaniere skribante kaj agante ni profitu la okazojn fari grandan propagandon por la Internacia Lingvo. Tiurilate devas eklabori ne nur nia TEĴA, niaj estraranoj, sed ankaŭ ĉiuj niaj membroj, kie ajn ili laboras. Tiel agante por la Jubileo de Esperanto ni ricevos ankaŭ aliajn bonajn rezultojn - organizajn, amasajn, kulturajn. Entute - nia TEĴa plistabiliĝos, montros sin kiel gravan, aŭtoritatan kaj utilan kulturklerigan, esperantistan kaj internacian organizon.

Ek al vigla TEĴA-agado!
Al novaj sukcesoj!

Iv.Esperov

## TRADUKO EN E-ĴURNALISMO
## ARTIKOLO 2

Jam Puŝkin skribis: "tradukisto estas substitua ĉevalo de kulturo". En tiu tempo la tekniko estis grandparte "ĉevala"kaj do ĉevalaj analogioj nevole dominis. El tio oni facile konkludas, ke antaŭ 150 jaroj la problemoj de traduko radike diferencis de la nunaj. Ĉiu "kultura" homo posedis latinan, grekan, germanan, francan, anglan lingvojn. Dum tiuj jaroj ĉio radike ŝanĝiĝis.

Ekzemple, moskva Instituto de Scienc-Teknika Informo tradukis tekstojn el 64 lingvoj. Sed tio estas nur la supro de glacimonto - tio estas lingvoj, per kiuj nun estas eldirataj iuj novaj aŭ originalaj pensoj en scienco kaj tekniko. Sed krome, ankoraŭ lingvoj, kiuj havas multjaran beletran tradicion, sed en la scienco ili faras nur la unuajn paŝojn. Sekve, nuntempa lingvo-panoramo entenas ne malpli ol 100 lingvojn, kiuj okupas la rangon de "kulturaj".Ek posedo de tioma kvanto da filologia materialo jam tute ne estas specifo de "kultura homo". Tio jam estas scienca heaĵo,majstrebla nur por homo-fenomeno al kiuj apartenas, ekzemple,la fama estona esperantisto-akademiano Paul Ariste.

Kaj la traduka'metio' el helpa kultura faktoro transformiĝis en arton, akiris propran, memstaran pozicion en la kultura "inventaro" de la homa socio. Ekzemple en Moskvo "Maurice Torez" Lingva Instituto estas speciala fakultato de tra-

dukado. Sed, certe, restis ankaú traduko-metio. Kaj aperas traduko-scienco.

Unuvorte kresko de popola kulturo transigis la tutan problemaron el kvanta en kvalitan nivelon. Kaj tiom disbranĉiĝis kaj disvastiĝis la tuta fenomeno-traduko, ke jam necesas analizi ĝin de multe da facetoj. Sed ĉar oni ne povas ĉirkaúpreni neamplekseblon,ni elmembrigu hodiaú soci-organizan problemaron.

Kiel montras la selektiva aspekto, la trakto devas koncerni tradukiston kiel membron de homa socio. Memkompreneble soci-organiza flanko enhavas facetojn. De unu flanko, kiun utilon donas tradukantoj al la socio per sia laboro - tio estas socia aspekto. De la alia, kion faras kaj povas fari socio por stimuli, akceli tiun labor-agadan aktivadon - tio estas organiza aspekto.

La ĉefa enhavo de laboro, prisrvanta socian bezonon, estas partopreno en diskonigo de socie ĝustaj kaj gravaj dokumentoj de nuntempo. En E-ĵurnalisma socia valoro de traduko manifestiĝas la ĉefa, por nuna historia periodo temo - t.e.la konservo de paco. Kaj tiudirekte strebas UN, UNESKO, Mondpaca Konsilio kaj aliaj. Kaj en E-interno - MEM.

Jam la naúan jaron jubileas la Eúropa packontrakto de Helsinki kaj mi volus ĉi-lige montri tradukon kiel eventon en internacia ĵurnalisma praktiko. Por nuna mondo rememoro pri la okazinta antaú 9 jaroj historia evento kiam 33 eúropaj ŝtatoj kaj du nordamerikaj kunvenis kaj subskribis la dokumenton, kiu prezentas per si mem la Ĉarton de paca kunekzistado por la ŝtatoj de malsama sociordo, estas epokjara mejloŝtono.

Sed ni pritraktu ĝin de pura E-ĵurnalista tradukista vidpunkto. En E-medion tiun dokumenton lanĉis unuigita kohorto de E-ĵurnalistoj, koncentrintaj sin ĉirkaú 3 centroj: Berlino-Bratislavo-Moskvo. Estis kreitaj tri variantoj de traduko, kaj ĉio estis prezentita al la slovakaj TEĴA-anoj, kiuj fine ĉion komparis akordigis, unuigis kaj eldonis. Ili estas(laú alfabeto): L.P.Belova, D.Blanke, R.Craetz, N.F.Danovskij, V.Leĥotski, A.K.Malm, E.P.Ostroĵnikova, V.P.Ostroĵnikova, S.N.Podkaminer, A.Y.Rakor, P.Rosa, Fr.Ŝatura, M.Ŝaturova, J.Zalupsky.

Nun kiam la batalo por paco kaj amikeco kontraú minacoj de nuklea milito kaj nuklea murdo

de la homaro devigas levi sian voĉon kaj eniri la spalirojn de kontraŭmilitaj batalantoj ĉe ĉiu meridieno kaj parabolo, ankaŭ la traduko kunmarŝas en tiuj spaliroj. La ĉeforgano de MEM "Paco" estas fakte megafono por tradukmaterialoj el diversaj lingvoj. Kaj ne vane ĝi estas dece aprezita de Mondpaca Konsilio.

Tion procedon oni povas prezenti skeme kiel multflankanalan fluon de internacia materialo en unu funelon - internacilingvan. En tiu sfero dume regas streboj kaj pruvoj. Unu pola tradukisto - Zsignien Czupkallo, deklaris pri sia deziro unuigi tradukistojn sub federacia tegmento, io simila al IFEF. Li ricevis reeĥon de kelkaj dekoj da entuziasmuloj. Kaj dume tio estas ĉio.

Ĉie pasas tradukkonkursoj,en ĉiuj landoj aperas E-periodaĵoj ĉe grava partopreno de tradukistoj. Ĉiutage estas farata grandega laboro. Sed ĝi ja postulas ankaŭ grandan socian atenton.Estas bone, se dum ĉiu UK ankaŭ tradukistoj diru vorton pri sia metio , pri siaj kreaj problemoj kaj taskoj. Estus bone internaciskale priparoli tiujn problemojn. Tre urĝas profesia interŝanĝo de opinioj. Eble estus bone formuligi interrilatojn: "Tradukistoj - TEĴA - ILEF- EVA". Eble valorus en presorganoj,kie partoprenas tradukistoj, praktiki "paĝon de tradukisto" kun konsiloj, demandoj, diskutoj. Unuvorte rolantoj estas, scenario estas,necesas komenci spektaklo

N.Danovskij

ALTA HONORDISTINGO POR NIA ĈEFREDAKTORO

Fine de oktobro 1984, dum solena tuturba kunveno en la apuddanuba urbo Lom, en ĉeesto de membroj de CK de BKP, de la Ŝtata Soveto, de distriktaj, urbaj partiaj kaj aliaj sociagantoj, la prezidanto de la Tutpopola Komitato por Bulgara-sovetia amikeco Naĉo Papazov, distingis per honora distingatestilo kaj speciala honora ora medalo nian ĉefredaktoron Ivan Keremidĉiev-Esperov kiel iniciatinton, kreinton kaj fondinton, antaŭ 50 jaroj, de la unua provinca bulgara-sovetia societo por amikeco en Lom. Estas rekonita lia aktiveco por plifirmigo de la ĉiuflanka kunlaboro kaj proksimiĝo de USSR kaj P.R.Bulgario, de la bulgara kaj sovetia popoloj.

Ni gratulas sincere nian ĉefredaktoron okaze de tiu distingo!

# POR PURA VIVMEDIO KAJ PACO

Nuntempe ne nur sciencistoj, sed ankaŭ la monda publiko scias, ke la homaro kaj ĉiuj vivestaĵoj sur la Tero apenaŭ postvivus limigitan nuklearmilan militon. Eĉ "ordinara" (nenuklea) milito havus por la naturo kaj vivo dezertigajn konsekvencojn. Ni rememoru kiel peze Usono damaĝis Vjetnamion. Pro tio eniras ĉiam pli da ekologoj, medioprotektantoj en la kontraŭmilitan movadon. Evidentiĝas la interligo de ekologio kaj politiko en landa kaj monda skaloj,la socia signifo de la batalo por pura biosfero de l' Tero. Ĉiam pli konsiderinde diversaj ekologiaj movadoj influas la mondan politikon - mondorganizaĵoj kun partopreno de ŝtatoj (UNEP, UNESKO, UNIDO k.a.), ekolologiaj sciencorganizaĵoj (SCOPE k.a.). En 1983 ĉe UN estis kreita Mondokomisiono pri Vivmedio kaj Evoluo, Tamen plej grava faktoro iĝas la amasmovadoj, kiuj ampleksas unuiĝojn de sciencistoj,kulturagantoj kaj homoj el ĉiuj socitavoloj.

Oni povus nomi la periodon inter la komenco de la 70-aj kaj 80-aj jaroj ekologia jardeko, dum kreskis la interesiĝo pri la reciprokaj rilatoj inter socio kaj naturo. La ŝanĝoj de la originaj ekologiaj sistemoj tiel profundiĝas kaj vastiĝas, ke eĉ unu danĝera por la homoj perturbo de la transversaj ligoj en la naturo kondukas al fatalaj konsekvencoj.

Kiel konsista parto de la materiala kaj spirita kulturoj aperas ekologiaj ideoj, teorioj kaj imagoj, kiuj konkrete tuŝas la plejmulton da evolu- kaj ekzistadaspektoj de la hodiaŭa civilizo.

La adeptoj de la medioprotektada movado unuiĝas ĉiam pli en novan ekologian-politikan tendencon kun programo, kiu depost printempo 1984 realiĝas sub devizo: "Mondskale pensi, en ekologia Eŭropo loke labori".

Diskutadon pri la aparta sociekologia situacio de la 80-aj jaroj oni ofte metas en la tagordon de internaciaj forumoj.El ili aparte menciindas Internacian Teorian Konferencon "Homo kaj naturo", en kiu partoprenas sciencistoj kaj aliaj elstaraj personecoj el multaj landoj (Usono, FRG, Francio, Hindio, Britio, GDR,

Bulgario, Sovet-Unio ktp.), sendepende de ilia socia kaj politika apartenecoj, kaj voĉlegas sciencajn traktaĵojn, komunikas praktikajn ideojn pri medioprotektado kaj racia utiligo de la naturo en vasta senco. Tiun ĉi laborforumon gvidas internacia sciencista grupo el kvin personoj, kiu foje dum la jaro estas elektata. La gvidon kaj kunordigon de la laboro prizorgas bulgaraj sciencistoj kaj fakuloj. Tribuno de la forumo estas revuo "Naturdefendo" (Sofio).

En septembro 1984 kunvenis sciencistoj el socialismaj, kapitalismaj kaj evoluantaj landoj kaj faris bilancon pri la publikigitaj sociekologiaj traktaĵoj kaj pri la praktika agado en la sfero de "medioprotektado kaj racia utiligo de l'naturo. Estis akceptita Apelacio al la ekologoj kaj ĉiuj medioprotektantoj el tuta mondo, grava akto en la batalo por pura vivmedio kaj paco.

Estas granda devo de la tuta monda ĵurnalistaro, inkluzive la TEĴA-membroj, aktive subteni kaj apogi la batalantojn por pura vivmedio kaj paco!

Evgeni Georgiev

---

ĈIULANDAJ PACPROPAGANDILOJ SERĈATAJ

Samarkanda E-klubo de Interpopola Amikeco daŭre kolektas ĉiulandajn kaj ĉiulingvajn porpacajn plakatojn, flugfoliojn, fotojn, (infan)desegnaĵojn, librojn, revuojn, ĵurnalojn, lumbildojn, insignojn, gluafiŝojn, poŝtmarkojn, ĉiujn ceterajn pacpropagandilojn. La materialoj estas serĉataj por la jam tradiciaj internaciaj porpacaj ekspozicioj.

Bonvolu adresi ĉion al: Interklubo "ESPERANTO",
SU-703000, SAMARKAND, Glavpoĉtamt, abon.ja. 76,
Uzbekistan, USSR

Respondo kaj laŭdezira rekompenco garantiata!

Validas ĉiam. Represo kaj nacilingvaj anonctradukoj petataj.

Anticipajn dankojn al ĉiuj kontribuontoj!

## Ĉe kolegoj en Pollando kaj Sovetunio

Antaŭnelonge nia kolego Donĉo Ĥitrov, ĉefredaktoro de "Bulgara Esperantisto" kaj ĝenerala sekretario de TEĴA vizitis Pollandon kaj Sovetunion, kie li havis renkontojn kun multaj ĵurnalistoj-esperantistoj. Dum la interparoloj li traktis ankaŭ problemojn pri membriĝo en TEĴA kaj pri pli regula kaj aktiva kunlaborado al "Internacia Ĵurnalisto". Ĉi-sube ni publikigas liajn vojaĝnotojn.

En Pollando mi partoprenis kiel oficiala reprezentanto de Bulgara Esperantista Asocio la 22-an Tutpopolan Esperanto-kongreson de polaj esperantistoj julie j.k. en ĉebalta urbego Szczecin.

La kongreso estis bone organizita. Ĝin partoprenis pli ol 200 esperantistoj el Pollando kaj 33 fremdaj gastoj el 13 landoj. La solena inaŭguro okazis en la malnova kastelo de la pomeranaj princoj. La kongresanojn salutis oficialaj gastoj el Aŭstrio, Belgio, Britio, Bulgario, ĈSSR, Danlando, GDR, FRG, Hungario k.a.

La programo de la kongreso estis tre riĉa kaj vario: trarigardo de la urbo, vizito de preĝejoj-muzeoj, de la belartaj galerioj, du tuttagaj ekskursoj en la tuta regiono de urbego Szczecin. Ne malpli riĉa estis la afereca programo de la kongreso. Fakkunsidoj de medicinistoj, fervojistoj, instruistoj k.a.; rapidigita kurso de Esperanto, gvidata de kolego Andrzej Pettyn, redaktoro de la Esperanto-redakcio de Radio Polonia en Varsovio, kun la aktiva partopreno de d-ro Krause el GDR; arta prezentado de "Verdaj Mazuretoj" el urbo Ełk, kongresa balo ktp. La Filio de la Pola Televido en Szczecin invitis la prezidanton de PEA - inĝ. Jerzy Leyk kaj min kaj faris kun ni 15-minutan, samtempe elsenditan intervjuon pri la kongreso kaj pri Esperanto. Kun mi faris intervjuojn la Pola Radio kaj la Esperanto-redakcio de Radio Polonia, kiuj montris viglan interesiĝon pri la E-movado en Bulgario kaj pri niaj du unuiĝintaj E-organizaĵoj - TEĴA kaj ILEF.

Mi havis apartajn renkontiĝojn kun la ĉefredaktoro de gazeto "Pola Esperantisto" Tyburcius Tyblewski kaj kun Andrzej Pettyn, kun kiuj ni pritraktis la problemojn pri reciproka kaj pli

aktiva kunlaboro inter niaj niaj redakcioj, samkiel al nia organo "Internacia Ĵurnalisto". Al ili tre plaĉis la renovigitaj kajeroj de "I.Ĵ." kaj esprimis deziron regule ricevadi ĝin.

Dum interparolo kun la prezidanto de PEA J.Leyk kaj kun miaj kolegoj Pettyn kaj Tyblewski mi starigis la demandon pri kreo de Pola Sekcio de TEĴA,ĉar en Pollando estas sufiĉe granda grupo de profesiaj kaj neprofesiaj ĵurnalistoj-esperantistoj, kiuj tre vigle aktivadas kaj kunlaboradas al polaj kaj fremdlandaj amaskomunikiloj. Ili favore rilatis al la iniciato kaj promesis pritrakti tiun demandon inter si post la kongreso.

Mi esperas, ke baldaŭ ni havos agrablajn novaĵojn el Pollando rilate TEĴA kaj ILEF.

x x x x x

Jam estas bona tradicio la ĉiujaraj reciprokaj vizitoj de reprezentantaj grupoj de bulgaraj kaj sovetiaj esperantistoj, kiuj multe kontribuis al la amikiĝo kaj kunlaborado.

Ĉi-jare, de la 19-a de septembro ĝis la 4-a de oktobro, mi gvidis kvinpersonan grupon de bulgaraj artistoj-esperantistoj, okaze de la 40-a jubileo de la socialisma revolucio en Bulgario. Ni vizitis la urbojn Vilnius, Tallinn, Leningrado kaj Moskvo, kie ni prezentis belartan muzikan programon antaŭ multnombra esperantista publiko.

Niaj koncertoj ĉie estis amase vizititaj kaj verve aplaŭditaj pro la altnivela arta plenumo de la kantartistoj Miŝo Zdravev (el Sofio), Ĵana Cikalova (el Ruse) kaj Manol Tomov (el Jambol). La amaskomunikiloj turnis viglan atenton al niaj koncertoj kaj aperigis informojn kaj intervjuojn.

Post nia koncerto en Vilnuis, enkadre de la tutrespublika E-arango "MUZO-84", reprezentantoj de gazeto "Komsomolskaja Pravda" faris intervjuon kun mi kaj mia samlandanino Cveta Stamenova,prezidantino de Sofia Urba Estraro de BEA, membro de nia delegitaro. Radio Vilnius elsendis informojn pri nia partopreno en la festivalo.

Kun la prezidanto kaj la vicprezidanto de Litova Filio de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE), A.Skupas kaj Adomas Vaitilavičius mi pridiskutis la eblecojn pri kreo de Litova sekcio de TEĴA. Plej fruktodona tiurilate estis nia restado en Tallinn - la ĉefurbo de Estona SSR. Dank'



al la zorgoj de niaj novaj amikoj Arnold Meri - prezidanto de la Estona societo por internacia amikeco, heroo de Sovetunio, Ferdinand Eisen, prezidanto de la Estona Filio de ASE, eksa ministro de la popola klerigo de Estonio kaj de nia fervora kolego Jaan Ojalo, niaj koncertoj pasis tre bone kaj havis grandan eĥon ĉe estona publiko.

Ni havis tre interesajn renkontiĝojn kun la redakcianoj de la gazeto de la Supera Pedagogia Instituto, kie granda grupo da estonaj studentoj lernas bulgaran lingvon. (vd. la foton ĉisupre). Post ilia ĉeesto en la koncerto ili kredigis nin, ke ili nepre lernos ankaŭ Esperanton.

La redakcio de gazeto "Kodumaa" (Patrujo) invitis min por amika interparolo. En la renkonto partoprenis ankaŭ kelkaj junaj ĵurnalistoj-esperantistoj, kiuj montris viglan intereson pri fondo de Estona Sekcio de TEĴA kaj de ILEF. Ili ĉiuj pagis sian jarkotizon kaj esprimis la deziron regule ricevadi "I.Ĵ."on. Post mia reveno en Bulgarion mi eltranĉaĵojn el la gazetoj, kie ricevis eltranĉaĵojn el la gazetoj, kie estis publikigitaj informoj pri nia gastado kaj la intervjuoj kun mi.

pritraktis je alta nivelo la problemon pri kreo de Tutsovetia Sekcio de TEĴA kaj pri niaj interrilatoj kun ASE kaj kun sovetiaj ĵurnalistoj-esperantistoj. La sekretariino de ASE Lidija Ŝanina favore rilatis al tiu ideo kaj promesis sciigi la gvidantaron de ASE pri la starigitaj de mi demandoj.

Konklude mi povas aserti, ke la senperaj personaj kontaktoj inter ĵurnalistoj-esperantistoj el diversaj landoj ĉiam kontribuas al pli vigla kunlaborado, al pli bona kompreno de niaj TEĴA-problemoj kaj taskoj.

Donĉo Ĥitrov,
ĝenerala sekretario de TEĴA

## amaskomunikiloj

### ANTAŬ LA PACOMONUMENTO

"Aŭstria Esperanto-revuo (n-roj 7-9/1984) informas, ke en St. Ulrich apud Steyr 500 homoj partoprenis potencan porpacan demonstracion maje j.k. Aŭdiĝis tie meso, kantoj, predikoj, alparoloj, diskutoj. "Pli ol 1000 personoj partoprenis la pacodemonstracion antaŭ la pacomonumento..." la gazeto citas, ke la prezidento d-ro Kirchchläger diris interalie: "Ni ne povas forigi la scion pri la produktado de atombombo, sed ni povas ĝin ne uzi." Kaj la Liglandestro Ratzenböck diris: "La paco devas kreski el sube supren, de la unuopulo, el la familio al la komunumo, de la urbo al la ŝtato kaj fine - mondvaste inter la popoloj."

Salutindaj estas tiel la pacmanifestacioj, kiel ankaŭ la paroloj de ambaŭ landgvidantoj, kiuj senvualigis la novan pacmonumenton en ĉeesto ankaŭ de esperantistoj, Interese, ke iuj gazetoj, eĉ laboristaj, skribas pri multaj interesaj kaj ne tiom interesaj faktoj kaj eventoj, sed forgesas mencii la vorton "paco". Iuj forgesas mencii ankaŭ pri la porpacaj demonstracioj. Kaj se ni ne kontraŭstaras la militon - speciale ĉion neniigantan nuklean armilon, ĉu dum ĝia detruiga ekplodado kaj post ĝi Esperanto kaj la E-movado ekzistus?

Jen kion diris la kreinto de Esperanto - L.L.Zamenhof, pri la esperantistoj-veteranoj: "Se nin, la unuajn batalintojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto, kaj ni elkrios kun abomeno: "Kun tia Esperanto, kiu devas servi ekskluzive al la celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!"

La veraj propagandantoj por Esperanto, kiaj estas multaj aktivuloj de la E-movado en la mondo kaj speciale ni - ĵurnalistoj-Esperantistoj apogas arde la opinion de L.L.Zamenhof.

Iv.Ker.

# STATUTO DE TEĴA

En la nuna n-ro de "I.Ĵ." ni publikigas la malnovan statuton de TEĴA kaj unu varianton de pli nova statutprojekto, kiuj ĉirkaŭ 10 jaroj estis iom pritraktitaj sur la paĝoj de nia organo. Ni petas ĉiujn TEĴA kaj ILEF-membrojn sendi al "Internacia Ĵurnalisto" siajn opiniojn kaj proponojn pri ŝanĝoj kaj precizigoj de la paragrafoj. Surbaze de la proponoj la estraro preparos novan, pli precizan projekto-statuton, kiu eble dum la sekvanta jarkunveno de TEĴA povas esti akceptita kaj aprobita de la membroj de nia asocio per leterbalotiloj.

Ni invitas ĉiujn membrojn tuj ekdiri skribe siajn proponojn.

La estraro de TEĴA.

MALNOVA STATUTO

1.NOMO KAJ SIDEJO

Nomo de la Asocio estas:Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, mallonge TEĴA . La sidejo de la Asocio estas fiksita laŭ la sidejo de la Centra Estraro.

2.CELOJ DE LA ASOCIO

La celoj de TEĴA estas kunigi ĉiujn ĵurnalistojn, kiuj scipovas Esperanton, por komuna kunlaboro kaj kunhelpo rilate la korespondadon, interŝanĝon de artikoloj, enketoj, informoj pri diversaj demandoj. Per uzado de Esperanto inter ĵurnalistoj pruvi, ke la lingvo devas servi al praktikaj celoj. Organizi fakaj kongresojn de UEA ktp kaj aranĝi renkonton inter diverslandaj ĵurnalistoj, kiam ili vojaĝas, kaj helpi al ili.

PROJEKTO-STATUTO

I.NOMO KAJ SIDEJO

Nomo de la Asocio estas: Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, mallonge TEĴA. La sidejo estas fiksita de la Centra Estraro, prefereble ĉe la Sekretariejo aŭ la Prezidanto.

II.CELOJ

La Asocio celas:1) kunigi ĉiujn ĵurnalistojn-esperantistojn,laborantajn en amaskomunikiloj - gazetoj, radio, televizio ktp.
2) organizi la provizadon kaj interŝanĝon de verkita materialo originala kaj tradukita, por naciaj kaj internaciaj periodaĵoj
3) eldoni propran organon "I.Ĵ." kaj laŭbezone aliajn presaĵojn;
4)starigi kaj funkciigi por profito de la Asocio, tradukan servon por ĉiaj klientoj, ĉu espe-

3.ENSPEZOJ DE LA ASOCIO

Por povi realigi supre nomitajn celojn la Asocio ricevadas monon per kotizoj.

4.MEMBRECO

La membroj konsistas el du kategorioj: A- kaj B-membroj.

A-membro estas ĉiu ĵurnalisto, kiu apartenas al sialanda profesia asocio aŭ kiu sin vivtenas per ĵurnalismo kaj verkado, radio- kaj televid-ĵurnalistoj.

B-membro estas tiu, kiu pli malpli okaze kunlaboras en diversaj gazetoj, verkistoj kaj redaktoroj de E-ĵurnaloj, neprofesiaj radio- kaj televid-kunlaborantoj.

La Centra Estraro rajtas eksigi membron, se tiu agas kontraŭ la celoj de la Asocio aŭ faras nesolidarecajn agojn. Eksigita membro povas apelacii al okazonta kongreso pere de Centra Estraro kaj fine, se ekzistas diversaj opinioj, voĉdonado fiksas decidon pri la demando.

5.GVIDADO DE LA ASOCIO

Organoj de la Asocio estas: jarkunveno, konferenco, fak-kongreso, voĉdonado kaj Centra Estraro. La elektita Estraro decidas inter la voĉdonadoj. Ĝi konsistas el Prezidanto, Vicprezidantoj, Ĝenerala Sekretario, Sekretario, Kasisto kaj du membroj-konsilantoj. Estas dezirinde, ke rantistoj aŭ ne; 5) reprezenti E-ĵurnalistan profesion ĉe konferencoj, kongresoj kaj aliaj kunsidoj; 6)stimuli edukadon kaj ekzercadon pri internacia ĵurnalismo; 7)protekti la profesiajn interesojn de la membroj; 8)rilatigi la Asocion kun internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj.

III.ENSPEZOJ DE LA ASOCIO

Por realigi la supre menciitajn celojn, la Asocio ricevadas monon per kotizoj, kiujn la jarkunveno decidas kaj per mondonacoj

IV.MEMBRECO

La membroj konsistas le du kategorioj: A- kaj B-membroj. A-membro estas ĉiu ĵurnalisto, kiu apartenas al sialanda profesia asocio aŭ kiu sin vivtenas per ĵurnalismo kaj verkado; B-membro estas tiu, kiu pli-malpli okaze kunlaboras en diversaj gazetoj, radio- kaj televid-stacioj k.a. La Centra Estraro rajtas eksigi membron, se tiu agas kontraŭ la Celoj de la Asocio aŭ faras nesolidarecajn agojn. Eksigita membro povas apelacii al okazonta jarkunveno pere de Centra Estraro kaj fine, se ekzistas malsamaj opinioj, la voĉdonado estas definitive decida.

V.DEVOJ DE LA MEMBROJ

Krom la ĝeneralaj, moralaj devoj, normalaj al ĉiu ĵurnalisto-esperantisto, la membroj de la

la Estraranoj loĝu en la sama lando aŭ inter si proksimaj landoj.
Krome por ĉiu lando estu peranto (reprezentanto). Se pluraj membroj estas en sama lando,ili kune elektas aŭ proponas reprezentanton, alie la Estraro proponas.
6.CENTRA ESTRARO
Ĉiun trian jaron okazas elekto de Centra estraro. La fakaj kongresoj dum la elektojaro proponas estrarajn kandidatojn, sed povas partopreni nur membroj, kiuj pagis samjaran kotizon kaj estas elektata la Estraro pere de voĉdonado.
Se estas diversaj proponoj aŭ diskutoj pri kandidatoj, la Estraro post la elektado voĉdonadonu al ĉiuj membroj raporton pri la voĉdono, kiu klare montras kiel ĉiu ano voĉdonis, por ke la kontrolo estu efektiva.
La fakaj kongresoj ankaŭ proponas revizorojn, kiuj, se eble, loĝu en la sama lando, kie estas la estrara sidejo.
Inter la kongresoj la Estraro decidas, sed la fakaj kongresoj povas plendi aŭ fari proponojn pri ŝanĝoj kaj decidoj.
Se temas pri gravaj demandoj,oni uzas voĉdonadon ĝeneralan,en kiu partoprenas nur regulaj membroj, pagintaj la membrokotizon.

Asocio devas:
a)regule kaj akurate pagi la jarkotizon;
b)aktive partopreni en laboro de la nacia sekcio de TEĴA;
c)sendi al la redakcio de "I.Ĵ." kontribuaĵojn;
d)respondi senprokraste al letero de TEĴA-ano.
VI.GVIDADO DE LA ASOCIO
Organoj de la Asocio estas:faka jarkunveno, Centra Estraro, Plenuma Instanco (Sekretariato).
VII.FAKA JARKUNVENO
En la kadro de UK, ĉiujare okazas jarkunveno de la membroj de la Asocio, nome Faka jarkunveno kondiĉe ke dek membroj ĉeestas.
Se jarkunveno ne povas okazi, oni devas agiperpoŝte kaj per la asocia organo. Ĉiun jarkunvenon prezidas la plej supera ĉeestanta estrarano. Ĉiu grava decido pri asocia organizo kaj proceduro bezonas konfirmon per simpla plimulto da voĉoj, kaj en okazo de voĉegaleco la prezida kolego havas duan voĉon. La estraron oni elektas por 3 jaroj, dum UK de UEA aŭ per skribaj balotiloj se post tri jaroj ne okazas raportelekta kunveno.
VIII.CENTRA ESTRARO
Ĉiun trian jaron okazas elekto de Centra Estraro, kiu konsistas el:prezidanto, 3 vicprezidantoj, ĝenerala sekretario, sekre

Post la faka kongreso la Estraro devas kiel eble plej baldaŭ sendi la proponojn al la membroj, samtempe oni fiksas la datom por la fina voĉdonado. Por esti validaj la voĉoj devas esti en la manoj de la Estraro plej malfrue duonjaron post la kongreso - se la faka kongreso okazos dum aŭgusto kaj oni proponas Estraron, tiam, la balotado devas esti finita la 31-an de januaro venontan jaron kaj dum februaro samjare la Estraro devas konigi al la membroj la rezulton. La forirantaj postenhavantoj, se eble, devas transdoni siajn postenojn al la novelektitaj estraranoj la unuan de marto saman jaron.

7.TASKOJ DE LA ESTRARO ESTAS

Efektivigo de la kongresaj decidoj faritaj per voĉdonado, labori por realigo de la asociaj celoj, kunvoki la fakajn kongresojn kaj en la sekretariejo konservi liston de ĉiuj partoprenantaj membroj, sufiĉe frue konigi al la aliĝintoj la nomaron de partoprenantoj, sendi al la fakaj kongresoj koncernajn proponojn kaj prepari tagordon por tiuj, kiuj prizorgos la aranĝon de la faka kongreso, se la Estraro estas malhelpata mem partopreni, kontinue sendi al la membroj liston pri novaliĝintoj, retario-kasisto, (por aliaj landoj), redaktoro de la oficiala organo, 3 membroj-estraranoj, 3 membroj-revizoroj.

IX.TASKOJ DE LA ESTRARO

Ĉiuj estraranoj kune kaj individue plenumas jenajn taskojn:

a) kunvoki la fakajn jarkunvenojn kaj konservi iliajn protokolojn;

b) efektivigi la kongresajn decidojn kaj tiujn, faritajn per voĉdonado;

c) labori por realigo de la asociaj celoj;

d) konigi al la membroj liston pri novaliĝintaj ĵurnalistoj pere de sia presorgano;

e) daŭre konservi kontaktojn inter la estraranoj kaj kun la geanaro.

X.PLENUMA INSTANCO (Sekretariato)

La Plenuma Instanco konsistas el: 1) Prezidanto, kiu reprezentas la Asocion en ĉiu agado; 2) Tri vicprezidantoj; 3) Ĝenerala sekretario, ĉe kiu estas oficiala sidejo kun ĉiuj dokumentoj de la Asocio, adresaro, aliĝiloj de la membroj; 4) sekretario-kasisto en alia lando; 5) Redaktoro de la oficiala asocia presorgano.

XI.REPREZENTANTOJ

En ĉiu lando, kie estas almenaŭ kvin membroj, la Estraro po

spondi al la demandoj de anoj kaj esperantistoj-ĵurnalistoj. Ŝanĝoj de tiuj statutoj povas okazi nur ĉe faka kongreso aŭ per referendumo.

Rimarko de la redakcio. En la jarkunveno de TEĴA kiu okazis en la kadroj de la UK en Budapest oni faris iujn negrandajn ŝanĝojn en la Statuto. Oni decidis, ke:

a)la vicprezidantoj de TEĴA estu tri personoj;

b)krom ĝenerala sekretario-kasisto estu ankaŭ kasisto por aliaj landoj(kiun taskon plenumas la redaktoro de "I.Ĵ." por kolekti monon pri la eldonado de nia organo);

c)nia supera gvidorgano estu la ĝenerala jarkunveno de TEĴA,ĉar TEĴA malfacile povas kunvoki kongreson;

d)en ĉiu lando, kie estas pli kvin membroj de la Asocio oni povas organizi sekcion de TEĴA;

e)la kolektata membrokotizo en ĉiuj landoj, post la deteno de necesaj kancelariaj elspezoj de grupoj, sekcioj (filioj), estu sendata al la redakcio de "I.Ĵ.", ĉar la gazeto estas ekspedata al ĉiuj membroj "senpage" (la membrokotizo inkluzivas ankaŭ la abonkotizon);

vas nomi (ankaŭ laŭ propono de ĝiaj membroj) unu Landan Reprezentanton, kies funkcioj estas: kolekti kaj transpagi kotizojn de samlandanoj; disdoni la presorganon kaj aliajn oficialaĵojn en sia lando; varbi novajn membrojn; organizi, se eble,sekcion de TEĴA. La Landaj Reprezentantoj iĝas Komitatanoj en la Centra Estraro.

XII.SEKCIOJ

Se en lando troviĝas almenaŭ dek membroj, oni rajtas starigi Landan Sekcion, kiu estas administre kaj finance aŭtonoma, sed en januaro ĉiujare ili devas sendi al la koncerna kasisto de la Centra Estraro la abonkotizojn por la nova jaro kaj kopion de la sekcia bilanco de la antaŭa jarofino. Sekcio normale havas tri oficiantojn: prezidanto, sekretario, kasisto. Ili estas elektataj de la sekcianoj por tri jaroj. La prezidanto rajtas partopreni kiel estrara komitatano en la kunsidoj de la Centra Estraro.

XIII.ELEKTADO

Dum la elektojaro la estrarajn kandidatojn povas proponi:1) La Faka Jarkunveno;2) La foriranta Centra Estraro; 3)Dek regulaj membroj pagintaj la jarkotizon.La prezentado de la listoj devas okazi antaŭ aŭ dum la laboro de la Faka Kunveno kaj la Estraro estos elektita per simpla plimulto (poŝta balotado), voĉdonante unu solan liston, kiu entenos

f)la ĝenerala sekretario detenas ĉe si monon nur por pago de kotizo al UEA kaj por kancelariaj elspezoj. La restanta sumo li sendas al la redakcio por eldon- kaj ekspedelspezoj de la organo.

x x x

ĉiujn proponitajn kandidatojn. Pro tio, post la Faka Jarkunveno, la Estraro devos kiel eble plej baldaŭ sendi la proponitan liston al la membroj por la voĉdonado. Por esti validaj,la voĉoj devos reveni en la manojn de la Estraro plej malfrue unu triono da jaro post la Kongreso. Se la Faka Kunveno okazas aŭguste, la baloto devas esti finita la 30-an de novembro, kaj dum decembro la Estraro devos konigi al la membroj la rezulton. La forirantaj postenhavantoj devos transdoni siajn postenojn al la novelektitaj estraranoj la unuan de januaro, sekvontan jaron. Ankaŭ se temas pri gravaj demandoj oni aplikas saman sistemon per poŝta voĉdonado.

Ĉar dum iuj UK de UEA malfacile aliĝas multe da TEĴA-membroj t. e. mankas la necesa kvorumo, kiam entute estas neeble okazigi regulan posttrijaran raport-balotkunvenon, aŭ estas elektitaj neagemaj estraranoj, tiam , en similaj okazoj, la Estraro de TEĴA mem aŭ unu triono de la regulaj membroj rajtas kontesti la baloton kaj proponi novan elekton de estraro aŭ reelekton de la malnova estraro per skribaj voĉbalotiloj. Necesas nur plimulto da voĉbalotiloj por validigi la elekton.

XIV.ORGANO

Oficiala organo de TEĴA estas "Internacia Ĵurnalisto", kiun ĉiuj membroj rajtas ricevi. La abonkotizo estas inkluzivita en la jarkotizo, decidita de la Faka Kunveno.

XV.SERVOJ

La ĉefaj servoj de la Asocio estas:

1)Informa servo = Temas pri mallongaj raportoj pri aferoj aktuale interesaj al la publiko.

2)Traduka servo = Kiam kliento (sciencisto, universitato, komerca firmao, esploristo, ktp) mendas nacilingvan tradukon de iu letero, artikolo aŭ alia verko, aperinta alilande, la sekretario peras la mendon al la sekcio de la koncerna lando, kiu provizas esperantan tradukon. Tiun ĉi oni tradukas nacilingven por la kliento;

sekvas sur paĝo 21

# Kurso por E-ĵurnalistoj



La gekursanoj dum leciono.

Jam pluraj jaroj en Bulgario estas eldonataj multaj bulgaraj kaj internaciaj E-revuoj kaj bultenoj, kiel ekzemple"Bulgara Esperantisto", organo de BEA,"Paco", organo de MEM,"Internacia Ĵurnalisto", organo de TEĴA,"Interligilo" - informilo de IPTEA "Kolektanto", "Pacaktivulo"k.a. La bezono de spertaj esperantistoj-ĵurnalistoj estas ĉiam pli akra - necesaj estas novaj kunlaborantoj por la E-gazetaro. Por kontentigi tiun bezonon la Internacia E-Kursejo en Pisanica duan fojon - de la 14-a ĝis la 18-a de novembro j.k., okazigis kurson por esperantistaj ĵurnalistoj. Ĝin partoprenis ĉirkaŭ 20 gekursanoj el la tuta lando, precipe filologoj kaj instruistoj - kunlaborantoj de esperantistaj kaj nacilingvaj eldonoj. La kurson denove gvidis Donĉo Ĥitrov, ĉefredaktoro de "Bulgara Esperantisto" kaj ĝenerala sekretario de TEĴA.

En 14 lekcioj, dividitaj en du partoj - teoria kaj praktika, la kursgvidanto, sperta,multjara ĵurnalisto, sukcesis kapti la atenton de la gekursanoj kaj klarigi al ili la karakterajn trajtojn kaj la ĉefajn taskojn de la E-ĵurnalistiko; la kvalitojn, kiujn la esperantista ĵurnalisto devas posedi kaj disvolvi. En la praktika parto de la kurso D.Ĥitrov konigis al la gekursanoj la plej ofte uzatajn en la ĵurnalista praktiko ĝenrojn - informon,raportaĵon, diversspecajn artikolojn, intervjuojn, biografian skizon pri eminentaj personecoj, ktp. Surbaze de sia propra sperto la kursgvidanto donis multajn interesajn ekzemplojn por ilustri siajn lekciojn kaj fari ilin pli facile kompreneblaj. Ĉiu lekcio provokis multajn demandojn flanke de la ku-

rsanoj, al kiuj D.Ĥitrov detale kaj sperte respondis. Li tuŝis ankaŭ la plej gravajn problemojn de nia nuntempo - defendo de la mondpaco, protektado de la vivmedio, helpo al la evoluantaj landoj en Azio kaj Afriko, kaj la taskojn de la esperantistaj ĵurnalistoj koncerne la plej honestan kaj objektivan klarigon en niaj E-revuoj.

Paralele kun la kurso de ĵurnalistiko, por la partoprenantoj estis organizita "fulma" kurso de Esperanto, kiun gvidis la elstara bulgara E-instruisto laŭ la ĈE-metodo - docento Georgi Dimov el Varna, bone konata ankaŭ al multaj alilandaj esperantistoj.

La kurso de ĵurnalistiko pasis sukcese kaj ni esperas, ke la bonaj rezultoj ne malfruiĝos - baldaŭ sin anoncos novaj kunlaborantoj al niaj E-gazetoj.

Jordanka Todorova

---

3) Foto-Kino-Magnetofona Servo = Tiu ĉi servo utilas sola aŭ kun la servoj 1) kaj 2).

Por tiuj ĉi tri servoj, TEĴA povas postuli pagon, el kiu la asocia kaso ricevas 20%, la filia kaso 40%, kaj la verkinta asociano 40%.

4) Konsila Servo = Kiam estas eble kaj oportune, aprobitaj profesiaj membroj povas konsili al aspirantoj, studentoj de ĵurnalismo, junuloj kaj nespertuloj pri la ĵurnalista metio.

XVI. ARKIVO

La Asocio konservas, ĉe la redakcio de la organo, bibliotekon kompletigitan per literaturo donacita, testamentita kaj ricevita per recenzoj kaj povas zorgi pri beletro, ekspozicio, konkursoj en la ĵurnalista metio kun kompencoj al merititaj kolegoj per premioj.

XVII. VALIDIGO

Tiu ĉi statutaro estos efektiva nur por simpla plimulto da ricevitaj balotiloj kaj konfirmo de sekvanta jarkunveno, laŭ la regularo.

XVIII. AMENDOJ

Ĉiu asociano rajtas proponi aldonojn, forstrekojn, modifojn aŭ aliajn amendojn al la statutaro: ili devas atingi la Ĝeneralan Sekretarion almenaŭ du monatojn antaŭ la jarkunveno, kaj necesas la sankcio postulata en regulo XVII antaŭ ol validiĝi. •

# HUMURO

## Antaŭzorgemo

-Estimata profesoro, ĉiuj konas vin kiel personon kun granda vivsperto. Mi ŝatus konsultiĝi kun vi.

-Diru, mi petas, per kio mi povus helpi al vi.

-Prezentu al vi jenan kazon. La edzino estas malkontenta de sia edzo, ĉar li estas senkaraktera, ne posedas aferecajn kvalitojn, forlasis la sciencon. Dumtempe iliaj najbaroj konstruigis al si vilao , la edzino aĉetis novan ledan veston. Unuvorte, la familiaj kvereloj estas senfinaj. Kion fari?

-Malbona afero, kara. En tiu kazo ili agus plej bone, se eksedziĝos.

-Tamen la edzino sincere lin amis. Ŝi jubilas pri liaj sukcesoj kaj suferas pro ĉiu lia malsukceso. Kaj se li hazarde malsaniĝas, ŝi simple ne povas trovi al si lokon.

-En tiu kazo ili ne devas eksedziĝi.

-Sed tamen la edzo ... mi ne scias kiamaniere klarigi al vi. .. la edzo estas ververa sklavo Ĉiuj hejmaj zorgoj kuŝas sur lia dorso. Pri persona libereco eĉ vorton oni ne povus diri. Fiŝkaptadi dum la libera tago, aŭ trinki glason da biero kun amikoj - li ne povas eĉ revi pri tio.

-Tiukaze ili pli bone eksedziĝu. La libereco estas pli kara.

-Ho, tio estas granda pluso en la familia vivo. Nenia eksedziĝo!

-Sed, s-ro profesoro, foje la edzo devas forlasi la laboron pli malfrue ol kutime - hejme ŝi ploregas. Ĉiu telefona sonoro provokas suspektojn. Konstanta kverelado kaj nervoziĝo pro bagatelaĵoj.

-Ho, tiukaze oni devas urĝe eksedziĝi!

-Bone, sed kio okazos kun la infanoj? Kaj la edzo kaj la edzino amas ilin freneze.

-Se jam ili havas infanojn,la problemo fariĝas tute klara.Nenia eksedziĝo! Tamen, kial vi demandas min pri ĉio ĉi? Ja, laŭ miaj informoj, vi ne estas edziĝinta.

-Jes,vi pravas, s-ro profesoro. Sed mi tamen dezirus antaŭvidi ĉiujn komplikajn kazojn...

-Jes, ja. Sed oni devas preni antaŭvide kiel bonege estas aranĝita la loĝejo. Ĉio brilas pro pureco! Kaj ŝi - kia dommastrino!

Tradukis: N.Brezin

# Ricevitaj esperantaĵoj

- Bulgara Esperantista Asocio - aktiva batalanto por paco, internacia kompreniĝo kaj socia progreso. - Referaĵoj, prezentitaj dum la scienc-praktika konferenco "75 jarojn BEA", okazinta 25-26.IX.1982 en urbo Veliko Tårnovo. Eldono de BEA , Sofio 1982. Granda volumo, 352-paĝa.Estas ankaŭ suplementoj kaj fotoj.

- Danco ĉirkaŭ lokomobilo - romano de Mart Traat, estona verkisto. Tradukis ĝin en Esperanton Hillar Saha kaj Henrik Seppik, redaktis Joh. Palu, postparolo de A.Eelmäe, paĝoj 76, prezo 70 kopekoj, eldonejo "Eesti Raamat", Tallinn, 1984.

- La bulgara revolucia Esperanta gazetaro 1929-1934 - de Maria T. Jankova-Bojaĝieva, eldono de BEA, antaŭparolo de N.Aleksiev, tradukis Lidia Raeva, redaktis Marin Båcev, 80 paĝa.

- Revuo "Balkana laboristo" - tribuno kaj organizanto de laboristaj esperantistoj en Bulgario (1929-1931) - Aŭtoro Dimitâr Papazov, redaktis Nikola Aleksiev, eldono de BEA, 60-paĝa.

- La Patrolanda fronto - fronto de la tuta Patrujo - de Penĉo Kubadinski - raporto al la 9-a kongreso de la Patrolanda fronto (23.06.1982). Tradukis S.Apostolova kaj A.Josifov, redaktis K.Draĵev, eldono de BEA, paĝoj 80, Sofia 1983.

- Balkanio - zono sen nuklearmiloj - de Ivo Ljubenov, tradukis Veneta Baleva, redaktis Violin Oljanov, eldono de Bulgara komitato pri balkanaj interkompreniĝo kaj kunlaboro kaj BEA, 38-paĝa broŝuro, Sofio 1984.

- Nova minaco al Eŭropo: kiu kulpas? - 40-paĝa libreto kun eldiroj de la ĝenerala sekretario de CK de KPSU K.Ĉernenko kaj multaj materialoj, faktoj, bildoj, desegnoj kontraŭ la nuklearmiloj Tradukis V.Aroloviĉ, redaktis D.Perevalov kaj L.Novikova. La libron eldonis APN (Presagentejo "Novosti") laŭ mendo de sovetiaj E-kluboj kaj de SSOD, prezo 25 kopekoj.

- Gardi la pacon, zorgi pri la bono de la popolo - paroladoj de la ĝenerala sekretario de CK de KPSU K.Ĉernenko. La broŝuron tradukis L.Novikova kaj B.Kolker, redaktis D.Perevalov kaj A.Ŝevĉenko, eldonejo APN 1984, Moskvo, 32-paĝa,prezo 10 kopekoj.

- Metodika gvidlibro por instruistoj de Esperanto - de Marin Båcev kaj Mihail Elenov, redaktis H.Haĉikjan, 156-paĝa libro,el donita en bulgara lingvo de la Ministerio de Klerigo, Sofio 1983 kun aldono: legolibro, versáĵoj kaj kantoj, amuzaj dialogoj, la ngorompiloj, anekdotoj k.a.

- Leipzig - urbo de la muziko - 8-paĝa broŝureto-invitilo al "Internacia Foira E-renkontiĝo 1985" kun la programo de IFER, pri Leipzig notoj k.a.

- Amikeco, kvina kajero - multobligita broŝuro 24-paĝa, enhavanta artikolojn, versaĵojn tradukitajn kaj originalajn, beletron. Redaktita de N.Danovskij, A.Gonĉarev, J.Ojalo (TEJA-membroj).

- Valencia -festoj kaj gastronomio, Valencia - historio kaj arto, Valencia - ekskursoj kaj vojaĝplanoj - tri turismaj kolorprospektoj pri Valencia - Hispanio, eldonis "Grupo Esperanto de Valencia" per la helpo de la urbestraro. Senpage riceveblaj de la grupo, adreso: Gran Via Fernando el Católico, 45-3, Valencia Hispanio.

# el nia leterkesto

-N.I.Sigal, Odesa, USSR. - Ni dankas pri la laúdaj vortoj al la novaspektaj n-roj de "I.Ĵ." kaj la salutoj al nia ĉefredaktoro de la odesaj kolegoj.Komprenneble vi mem estas akceptita kiel reprezentanto de TEĴA por la sudaj partoj de Ukraina SSR kaj la nigramaraj regionoj.

-Paúlo Cerretini, prezidanto de KEK,Pisa, Italio. - Ni dankas pri viaj kontentaj vortoj al "I.Ĵ."; Ni plenumos viajn petojn. Sekvas aparte letero.

-D.Fabris, sekretario de TEĴA, Itlaio. - Dankon pri la laúdaj vortoj al "I.Ĵ.", tamen ni atendas nepre kunlaboraĵojn de vi.Pri la ŝuldo al UEA - ni aranĝas la kòntojn.

-Luis Casas, Bogota, Colombio. - Ni enskribis vian adreson en la abonliston. Pri la pagmaniero de abonoj vi legos en "I.Ĵ."

-L.Straznickas, Vilius, USSR. - Ni prenis noton pri via adreso. Ankaú vi ricevos legitimilon.